23a Jaro - No 2 (240) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Februaro 1937a

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

DIREKTORO:
**Maur. JAUMOTTE**
41, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

**Oficiala Organo de**

**Reĝa Belga Ligo Esperantista**

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.33

NI HELPU

# La Propagando per la Gazetaro

Ni iom hezitis antaŭ ol ni ekkomencis pritrakti por niaj legantoj la ĉi supran temon.

Kiel profesia ĵurnalisto, povus ŝajni, ke ne decas al ni priparoli tiun temon tiel, kiel ni intencas fari.

Sed fine ni pensis, ke, pri la ĵurnalistoj, oni diris tiom da bono kaj da malbono, kiel la verkisto pri la lango, kaj kiel ĉiuj ni, pri la virino.

Lango, virino, ĵurnalisto estas plej bonaj aŭ plej malbonaj, laŭ la angulo, el kiu oni ilin rigardas.

Sed kia ajn estu ies opinio pri la ĵurnalistoj mem, kia ajn estu ankaŭ ies opinio pri iu difinita ĵurnalo, pri io tamen ĉiuj ni certe konsentas : nome la graveco, kiun havas la publikigo de por- aŭ kontraŭaj tekstoj en la ĉiutagaj gazetoj.

Pli ol afiŝoj, tiaj tekstoj influas, ĉar la gazeto estas la regula vizitanto de ĉiu hejmo. La gazeto envenas en ĉiujn manojn, de l'edzo kaj edzino, kiel de l' servisto aŭ servistino, kiel eĉ de l' infano, nun kiam preskaŭ ĉiuj ĵurnaloj enhavas bildojn allogajn kaj eĉ novelojn kaj historiojn porinfanajn.

En la lastaj jardeko, la grandaj komercaj firmoj plej klare komprenis la gravecon de la gazetaro. Kaj la plej imponaj ne nur eldonas multan monon, por pagi anoncojn, pri kiuj ĉiu povas vidi, ke estas anoncoj, sed eĉ posedas specialan fakon, kiu sin okupas pri la kunmeto de tekstoj ordinaraj, kiujn, pere de agentejoj aŭ pere de ĵurnalistoj, ili klopodas enŝovigi en la ordinarajn tekstopaĝojn de la ĵurnaloj, ĉar ili konscias, ke tiaj tekstoj precipe efikas sur la leganto.

La Esperantistoj en ĉiuj landoj de la mondo, jam de longe, faris la saman sperton kaj, ĉie, ili, je specialaj okazoj uzis tiun rimedon, sendante, ekzemple, ĉe la datreveno de la naskiĝo de niaj Majstro aŭ de ties morto, malgrandan tekston al iu ĵurnalo.

Jam antaŭ kelkaj jaroj, Belga Ligo Esperantista eĉ organizis specialan servon, kiu prizorgis iom pli oftan elsendon de komunikaĵoj.

Kiel la leganto vidos, en la apudaj paĝoj de tiu ĉi numero, de nun, la estraro organizis, firme kaj regule, tiun servon, tiel ke, ne plu je iuj okazoj, je iuj nedifinitaj tagoj, sed, kontraŭe, tute regule, ĉiuj gazetoj de nia lando ricevos tekston enpresotan, pri iu lasta venko, iu lasta okazintaĵo aŭ baldaŭa okazontaĵo.

Ni insistas pri la reguleco, ĉar ni opinias, ke, same kiel por revuo, ankaŭ por tia servo, la reguleco estas la plej grava faktoro.

Nur per tiu reguleco, ni akiros, ke, iom post iom, la ĵurnaloj, kiuj plej malfacile lasas sin altiri en nian retaron, sekvos la ekzemplon, kiun donas jam diversaj tagaj ĵurnaloj en nia lando.

Ni ne volas citi en tiu ĉi ĉefartikolo, iun ajn ĵurnalon, sed ni tamen volas mencii, ke, dum la lasta tempo, du aŭ tri malfermis ĉiusemajnan angulon, en kiu estas pritraktataj pri-Esperantaj problemoj. Du aŭ tri aliaj grupigas ĉu ĉiusemajne, ĉu ĉiutage, la radio-programojn, pri- aŭ en-esperantajn.

Tio estas ĝojiga fakto, ĉar tiu regula rea kaj rea enpreso de nia nomo ekvekos, ĉu baldaŭ, ĉu post iom da tempo, intereson por la afero mem.

Sed, super tiu ĉi artikolo ni metis « Ni helpu ». Ĉiu helpu. Kaj ĉiu povas helpi.

Nun ĉiu inter ni scias, ke ĉiu gazeto ricevas servon de ni. Se do, post kelkaj semajnoj, montriĝas ke iu gazeto ne enpresas kaj se oni konas persone, ĉu la direktoron, ĉu membron de la direktanta stabo, ĉu eĉ simplan kunlaboranton, oni iru al li aŭ oni kaptu la unuan okazon, por paroli al li pri tio kaj demandi la enpreson, se ne regulan, almenaŭ de la plej gravaj tekstoj.

Se, en iu urbo, neniu havas rilatojn kun la loka ĵurnalistaro, la estraro de la loka grupo skribu tutafablan leteron, en kiu ĝi atentigu, ke multaj el siaj membroj legas la ĵurnalon kaj dezirus, pere de ĝi, tamen esti informataj pri la plej gravaj novajoj. Ordinare ne necesas, ke oni minacu pri malabono. La estraro de ĵurnalo, krom pri politika aŭ ekonomia afero, estas principe *kontraŭ nenio.*

Kaj, se iuj povas ŝajni kontraŭ-Esperantaj, estas nur ĉar ilin oni ne konvinkis pri la graveco de nia lingvo, ne laŭ la efikeco de ĝi, sed laŭ la ebla interesiĝo ĉe la legantaro.

Maur. JAUMOTTE.

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

## XXVIa Belga Esperanto-Kongreso

**Antverpeno 15-16-17 Majo 1937**

La programo kunmetita de la L.K.K. por nia jarfesto de Pentekosta proksima, diferenciĝas, en kelkaj iom gravaj detaloj, de la programoj ĝisnunaj.

Antaŭ ol publikigi ĝin la L.K.K. havis la aprobon de la estraranoj de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Estas kun ĝojego, ke ĝi nun scias, ke ĝi havas ankaŭ la ĝeneralan aprobon de la ĉeestontoj. Post la publikigo, alvenis efektive ĉe la organizantoj multaj leteroj, kiuj diras la grandan kontentecon kaj la esperon de ĉiuj, pri la okazontaĵoj de la 15a ĝis 17a de Majo.

En la ricevitaj leteroj, ne estis eĉ unu timetan demandon pri la elekto de la salonoj centraj kaj komfortaj.

Sed por tiuj, kiuj ne skribis kaj eble povus tamen timeti, ni diru, ke la aranĝoj faritaj, estas tiaj, ke, nek la festeno, nek kiu ajn alia aranĝo kostos pli multe al la kongresanoj, ol en antaŭaj kongresoj.

Precipe, rilate al la trinkaĵoj, dum la manĝoj, la L.K.K. povas jam certigi, ke neniu estos devigata je vintrinkado aŭ je mendo de multekostaj trinkaĵoj.

Aliflanke, la organizantoj ankoraŭ interrilatas pri specialaj numeroj por la du vesperfestoj. Jam nun estas certe ke la Antverpena grupo « La Verda Stelo » zorgos por diversaj numeroj dum la sabata vespero, ĉar tiuj membroj tamen, tute certe, estos en la urbo je tiu momento. La Bruĝaj amikoj, aliflanke, zorgos por belaj dancnumeroj, dum la dimanĉa festo.

Ĉi sube la L.K.K. publikigas plian liston de kongresanoj. Ĝi tamen atentigas pri la fakto, ke tiu ĉi numero portas jam la indikon « Februaro 1937 ».

Ankoraŭ tri numeroj de B.E., kaj la Kongreso estos jam baldaŭ malfermota. Ke do neniu atendu pli longe por sendi sian kotizon.

*Listo de Kongresanoj :*

123 F-ino Suzanne Peire, Bruĝo.
124 F-ino Jeanne Morrens, Antverpeno.
125 F-ino Van den Nesse, Elise, Gento.
126 F-ino Laurence Meeuws, Bruĝo.
127 F-ino Marguerite Nyssens, Bruselo.
128 S-ro Paul Nyssens, Bruselo.
129 S-ro Louis De Hondt, Antverpeno.
130 S-ino Jeanne De Hondt, Antverpeno.
131 S-ro Henri-U. De Hondt, Antverpeno.
132 S-ro Henri Delcloo, Bruĝo.
133 S-ro Joseph Tanghe, Bruĝo.

Resume : jam aliĝis kaj pagis : 46 membroj el Antverpeno; 40 el Bruĝo; 15 el Bruselo; 10 el La Louvière; 4 el Gento; 2 el Ninove, el Charleroi, el Mouscron; kaj 1 el Ronse, Ostendo, Hasselt, Jodoigne, Oostduinkerke, St.-Niklaas. Krome 4 el Francujo kaj 2 el Anglujo.

## *Ĉiam aktuala artikolo de nia Majstro*

*Baldaŭ komenciĝos nova jaro. Ni petas, ke niaj karaj legantaj ne forgesu pri tio ĉi kaj renovigu frutempe la abonon de nia gazeto por la jaro 1893. La abonon por la venonta jaro ni jam nun akceptas, kaj ni petas la amikojn de nia afero rapidi kun la abonoj, por eviti malordon kaj por ke ni sciu, kiaj estas niaj fortoj por la venonta jaro. La tro malfrua abonado de multaj amikoj en la nun finiĝanta jaro estis kaŭzo de diversaj maloportunaĵoj por ni kaj por la abonantoj. En la komenco restis la ekzempleroj de la administracio, ĝi dessindis ilin senpage, kaj poste oni ne povis kontentigi la novajn abonantojn.*

*Ni ripetas, kion ni jam kelkajn fojojn diris, ke nia gazeto estas la plej grava objekto en nia afero kaj de la bonstato de nia gazeto dependas la bonstato kaj progresado de nia afero.*

*Ni tial ripete rekomendas nian gazeton al la memoro de niaj amikoj. Ni petas, ke ili mem reabonu la gazeton kiel eble plej frue kaj ke ili volu alporti al nia gazeto kiel eble plej multe da novaj abonantoj. Multaj homoj, precipe en afero nova, nenion faras el propra iniciativo ; tial aboni por iu nian gazeton estas ordinare la plej bona rimedo, por alligi lin fortike al nia afero.*

Ludoviko L. ZAMENHOF.
« La Esperanto » 1892. N-roj 65—66.

## Ni Gazetara Servo funkcias !

Ekde Januaro, Reĝa Belga Ligo Esperantista ŝtopis grandan breĉon en sia propaganda laboro.

Eĉ en la nunaj tempoj, ni ankoraŭ ĉiutage devas konstati, vole-nevole, ke multaj personoj ne multe scias pri Esperanto.

Ni tial organizis gazetaran servon, kiu certe ebligos al ni, en la tempospaco de kelkaj monatoj, dissciigi ĉion interesan pri niaj lingvo kaj movado. Ĝi devas informi la gazet-legantojn, — kaj ĉiu legas iun aŭ alian gazeton —, pri la nuna stato, la progresoj kaj, eble baldaŭa, triumfo de Esperanto.

Ĝi devas liberigi nin de tiu granda danĝero, kiu minacas nian tutan laboron en Belgujo : la indiferenteco.

Por akiri tian rezultaton, ni devis grandskale eklabori; ni tion faris, kaj post nelonga tempo eble, jam sentos certan diferencon.

*Proksimume ĉiusemajne, ni forsendos al preskaŭ ĈIUJ GAZETOJ APERANTAJ EN BELGUJO, kia ajn estu ilia politika opinio aŭ social-ekonomia vidpunkto aŭ tendenco, komunikon, pri nia lingvo. La komunikoj estas tiaj, kiajn ĝenerale akceptas ĉiuj ĵurnaloj : novaj, aktualaj, mallongaj, interesigaj.*

Ni estus tre kontenta, por plia laborado en tiu direkto, se ĉiuj esperantistoj kiuj trovas komunikon en iu gazeto, ĝin bonvolus eltranĉi kaj, kun indiko de la gazeto kaj de la dato de apero, ĝin sendi poŝte al nia servo. Por ŝpari kostojn, la lokaj grupoj povus aranĝi tiujn forsendojn ĉiumonate ekzemple.

Nia nova servo funkcias; vi ĉiuj helpu nin, laŭpove, kaj ni atendu la rezultatojn.

Henri SIELENS,
*Gazetara sekretario.*
Kroonstraat, 145,
Borgerhout-Antverpeno.

### Propagando !

Lasttempe estis organizataj jam pluraj paroladoj pri Esperanto en diversaj Rotary-kluboj de Belgujo.

Ilin plej lerte faris, substrekante la konkordancon de la Rotary- kaj Esperanto-movadoj, nia direktoro S-ro Maur. Jaumotte, prezidanto de « La Verda Stelo ».

Kun niaj gratuloj, li ankaŭ akceptu nian dankon pro tiu nova propagando.

H. S.

### Gratuloj

Ni tutkore gratulas S-inon Maria Elworthy-Posenaer kaj S-ron Hector Vermuyten, ambaŭ fidelajn membrojn de la Reĝa Esperanto-Grupo de Antverpeno « La Verda Stelo », kiuj iĝis laŭreatoj en la Literatura Konkurso de la XVII-a Internaciaj Floraj Ludoj en Manresa

# Nia jubilea Kongreso en Varsovio

La Loka Kongresa Komitato de la 29-a volas, ke la **Jubilea Kongreso** estu **esence labora kaj organiza.** Ni pensas, ke nia movado postulas, ke LA JUBILEA opiniu pri la plej gravaj demandoj de nia nuna movado kaj donu direktivojn por la plua agado en sekvontaj jaroj.

Nia Komitato volus antaŭ ĉio, ke la Kongreso posedu vere jubilean karakteron, metante je la frunto de ĝiaj laboroj esence realigan vortsignalon por la tuta esperantista movado, nome : **la enkondukon de deviga lernado de Esperanto en la lernejojn.**

La LKK pensas, ke tiu sugesta vortsignalo devos esti akceptata kiel nepra konkludo de la revuo ĝenerala de nia ĝisnuna movado, la revuo — kiu okazos, kiel decas, dum la Jubilea Kongreso post kvindek jaroj de nia laboro en diversaj landoj kaj en diversaj fakoj de la homara agado. Ni supozas, ke tiu historia revuo ĝenerala devas preskaŭ aŭtomate eniri en la programon de la Jubilea Kongreso, kiel punkto ne forigebla ne nur pro la historiaj motivoj, sed ankaŭ kaŭze de la praktikaj konsekvencoj, ĉar ĝi tuŝas ĉiujn vojojn de nia plua propagando. Farante tian ĝeneralan revuon dum la Jubilea Kongreso, ni povos tiri imperativajn kaj efikajn konkludojn koncerne ĝustajn vojojn de nia propagando en la diversaj landoj kaj en la diversaj kampoj de nia esperantista agado.

Ni pensas, ke dum la tuta Jubilea Jaro nia devo, la devo de ni ĉiuj esperantistoj, estas fari la jubilean kalkulon de nia kvindekjara agado. Ni opinias, ke ne nur la Kongreso, sed ĉiuj niaj landaj, internaciaj, ideaj kaj profesiaj organizaĵoj estas alvokitaj per tiu historia momento, per tiu jubilea datreveno, kiun ni travivos tiun ĉi jaron, fari tian bilancon. Ni supozas, ke eĉ apartaj izoluloj, studantaj tiujn problemojn, estas ankaŭ vokitaj al tiuj ĉi laboroj sintezaj, donantaj kiel eble plej kompletan, klaran kaj koncizan bildon de la ĝisnunaj atingoj de nia movado. Tiel diritaj bilancoj, historiaj kunmetigoj, resumoj de nia agado devas enhavi egale ĉiujn sukcesojn, ĉiujn gajnojn, ĉiujn rezultatojn pozitivajn, kiel duaflanke ĉiujn nekompletajn atingojn, ĉiujn erarojn kaj ĉiujn malsukcesojn de nia movado. Farante tion, ni celos el tiuj sintezaj bildoj — apogitaj sur la larĝa bazo de nia kvindekjara eksperimentado kaj praktiko — tiri konvenajn regulojn same por la estonta propagando kiel por la organiza kaj literatura agadoj.

Ni pensas, ke la karaktero mem de la historia momento, kiun ni travivas en nia movado ,antaŭ la Jubilea Kongreso, nin plenrajtigas alvoki ĉiujn organizaĵojn, verkistojn kaj agantojn de nia movado al la laboro en tiu ĉi direkto, por la preparado de la raportoj, de la artikoloj kaj de la verkoj, kiuj koncernos la historion de la lingvo, de la literaturo, de la propagando kaj de la organizado de nia movado.

Tiaj sintezaj laboroj, preparitaj de specialistoj, konantaj la temon pritraktatan, povos servi kiel bazo al la sekvontaj diskutoj de la fakaj kunsidoj kaj de la Plena Kunsido de la Jubilea Kongreso aŭ kiel prelegoj de la Somera Universitato. Fine ili povos eniri, kiel valora materialo, en la libron de la Jubilea Kongreso, kiun ni esperas povi eldoni post la Kongreso.

Volante doni kelkajn ekzemplojn, kiel ni komprenas tiun ĉi historian taskon de la tuta esperantistaro dum la Jubilea Jaro, ni, nur kiel certajn eblojn, formulas niajn perspektivojn por la tri ĉefaj kampoj de nia ĝisnuna movado :

## Lingvo

Sur la kampo de la historio de la lingvo estus dezirinde, ke la specialistoj de tiu ĉi fako, posedantaj sufiĉan sciencan preparon ,montru al la publiko esperantista kaj sekve al la alia, kian gradon de la perfekteco kaj de la ĉiuflanka riĉeco atingis nuntempa Esperanto, fidele bazita sur la Fundamento de Zamenhof, dank' al multjara praktika uzado same en la ĉiutaga internacia vivo, kiel en la scienco, en la tekniko kaj en la literaturo ; en tiuj lastaj regionoj ĉefe dank' al laboroj kaj talentoj de la kreintoj de la teknikaj vortaroj, de la tradukistoj de l' ĉefverkoj de la universala literaturo kaj dank' al la laboro de la originalaj verkistoj.

Estus dezirinde ankaŭ montri, kiel de la leksikologia vortara vidpunkto Esperanto dank' al sia mirinda, facila, preskaŭ nelimigita vortfarado superis en mallonga tempo multajn lingvojn naciajn, kiuj posedas ne nur pli nombran lingvan socion, sed pli longan historion kaj senkompare pli grandan praktikan uzon, kaj malgraŭ ĉio ne posedas ĝis nun, en multaj fakoj de la vivo, kompletan vortaron kaj ofte uzas sensukcese, maltrafe elektitajn neologismojn, aŭ eĉ simple pruntas sensanĝe vortojn el aliaj lingvoj.

## Literaturo

La literaturaj akiroj de Esperanto — same sur la kampo de la tradukoj, kiel sur la kampo de la originala poezio kaj prozo, prezentitaj sinteze — donus la bildon de tiuj multaj profitoj, kiujn dank' al Esperanto oni povas ĝui jam hodiaŭ, se oni konas tiun ĉi lingvon, kaj la bildon de tiuj aliaj profitoj, aŭ ankaŭ de pli grandaj ebloj, sur la kampo de la kultura ekspansio preskaŭ de ĉiu nacio kaj speciale de la malgrandaj, kiujn profitojn tiuj ĉi nacioj jam akiris aŭ povas akiri en estonteco dank' al Esperanto.

## Historio de la movado

La laboroj koncernantaj la propagandon kaj organizan movadon estus, laŭ nia kompreno, ne nur simplaj monografioj, kiuj estas multe instruantaj por ĉiu movado, sed havos ankaŭ praktikan signifon por la Kongreso, ĉar sur tiu ĉi bazo ĝi eble povus ellabori certajn **rekomendojn** por la estonteco, por ke nia movado evitu erarojn de la ĝisnuna nia agado, ĉefe la erarojn de la propagando kelkfoje malĝuste direktita aŭ adresita al la medioj malmulte interesitaj pri la problemo de la lingvo internacia.

•

Metante la historion de la tuta Esperantismo en la programon de la Jubilea Kongreso, ni antaŭ ĉio honorigus ĉiujn niajn mortintojn kaj ĉiujn meritplenajn vivantojn, agantojn kaj verkistojn, kiuj dum la unua duonjarcento de nia movado faris de la genia projekto de Zamenhof — lingvon vivantan, lingvon riĉan, tutflankan ; ni honorigus la pionirojn de la movado, kiuj vokis al la ekzisto novan, vivan kaj ĉiam pli kaj pli kreskantan lingvan socion.

•

Diskutado de la metodoj de la propagando estus la revuo de ĉiuj iloj, kiujn uzadis aŭ nuntempe uzas la esperantista mondo, celante per amasa movado kreskigi nombron de nia lingva socio kaj kvazaŭ elemente *via facti* enkonduki Esperanton en la internaciajn rilatojn, farante ĝin ĉiutage pli perfekta, pli ĉiuflanka, pli universala en internaciaj rilatoj, kaj se eĉ nun, provizore, fakte *ne* la *sola* lingvo internacia, kiel tio restas ĝia fina celo, do almenaŭ *unu el kelkaj* lingvoj internaciaj inter la disvastigitaj en internaciaj rilatoj naciaj lingvoj, kiel

# TRA LA MONDO

**L'Esperanto chez les étudiants**

— Au Collège St-Joseph au Canada, un cycle de conférences concernant l'Esperanto a été organisé.

**L'Esperanto en Suède**

— En Suède 36.350 personnes se sont abonnées au cours par correspondance, pendant l'année 1935, tandis que, la même année, la « Eldona Societo Esperanto » a vendu pour 44.000 couronnes de livres.

**Quelques chiffres**

Suivant une récente statistique, 30.000 chinois auraient déjà appris l'Espéranto. 50 sociétés d'espéranto existent en Chine et 5 revues y sont éditées.

**L'Espéranto et le Tourisme**

La Tchéco-Slovaquie est sans doute le pays où notre langue a été le plus employé pour la propagande touristique.

Pour le moment elle vient d'éditer un magnifique dépliant concernant les grottes de Domica, Jasov et Bielska.

**L'Espéranto au Japon**

Le nouvel annuaire japonnais indique les noms de 4.000 espérantistes.

Le Congrès Universel de 1940 se tiendra probablement à Tokio.

Bientôt les espérantistes japonnais se réuniront pour leur 25e congrès national.

**Espéranto et Commerce**

— Comme chaque année la foire internationale de Lyon vient d'éditer toute une documentation en Esperanto.

**Esperanto ĉe Studentoj**

— En la St Joseph's College en Kanado, ciklo da prelegoj, koncerne Esperanton, estis organizata.

**Esperanto en Svedujo**

— En Svedujo 36.350 personoj abonis perkorespondan kurson en la jaro 1935, kaj en tiu sama jaro la « Eldona Societo Esperanto » vendis por 44.000 kronojn da libroj.

**Kelkaj Nombroj**

Laŭ nova statistiko pri la Esperanto-movado en Ĥinujo, pli ol 30.000 personoj sekvis esperanto-kurson. En la lando ekzistas 50 esperanto-societoj kaj aperas 5 esperantaj revuoj.

**Esperanto kaj Turismo**

Sendube Ĉeĥoslovakujo estas la lando kiu eldonis la plej grandan nombron da turismaj reklamiloj en nia lingvo.

Nun eldoniĝis belega faldprospekto pri la grotoj de Dominca, Jasov kaj Bielska.

**Esperanto en Japanujo**

La nova japana jarlibro enhavas la nomojn de 4.000 membroj.

En 1940 la Universala E-Kongreso okazos verŝajne en Tokio.

La japana esperantistaro okazigos sian 25an nacian kongreson.

**Esperanto kaj Komerco**

— Kiel ĉiujare la internacia specimenfoiro de Lyon eldonis ankaŭ ĉijare tutan dokumentaron en Esperanto.

**Esperanto bij de Studenten**

— In het St-Joseph's College in Canada werd een cyclus voordrachten over Esperanto ingericht.

**Esperanto in Zweden**

— In Zweden schreven, in het jaar 1935, 36.350 personen in voor een cursus per briefwisseling, terwijl, hetzelfde jaar, de « Eldona Societo Esperanto » voor 44.000 kronen aan boeken verkocht.

**Enkele Cijfers**

Volgens een nieuwe statistiek zouden reeds 30.000 Chineezen Esperanto geleerd hebben. Er bestaan 50 vereenigingen in het land en 5 tijdschriften worden er uitgegeven.

**Esperanto en Toerisme**

Tcheco-Slowakije dat ongetwijfeld het land is dat het meeste gebruik maakt van onze taal voor toeristische doeleinden, gaf nu een mooi vouw-vlugschrift uit over de prachtige grotten van Domica, Jasov en Bielska.

**Esperanto in Japan**

Een nieuw jaarboek der Japansche Esperanto-beweging geeft de namen op van 4.000 leden in Japan.

Het wereldcongres van 1940 zal waarschijnlijk plaats hebben in Tokio.

Weldra zullen de Japansche esperantisten hun 25e nationaal esperanto-congres houden

**Esperanto en Handel**

— Zooals alle jaren gaf ook nu weer de internationale handelsfoor van Lyon een volledige documentatie uit in Esperanto.

---

la franca aŭ la angla, aŭ kiel antaŭe estis kaj ankoraŭ restas en kelkaj fakoj la latina.

•

Fine, la problemo de **Interŝtata Akordo pri la enkonduko de Esperanto en lernejojn** estus por la programo de la Kongreso kvazaŭ konkludo kronanta ĉiujn ĝiajn laborojn. Ĝi estus la unua provo de la malfermo de l' nova vojo, per kiu Esperanto povas senkompare pli rapide eniri en ĝeneralan uzon ol tio ĉi fariĝas ĝis nun sur vojo de la propagando individua aŭ amasa, ĉar en tiu ĉi okazo ĝi fariĝos preskaŭ tuj lingvo internacia de la tuta juna generacio de tiuj landoj, kiuj ĝin devige enkondukus en lernejojn kaj per tio ĉi ĝia lernado estus ankaŭ fakte deviga por ĉiuj, kiujn la profesio devigas lerni lingvojn fakte internaciajn, kiel nun la francan aŭ la anglan.

Tiu ĉi problemo de granda graveco por la disvastigado de Esperanto devas esti antaŭ la Kongreso ĉiuflanke pripensita kaj diskutita en diversaj esperantistaj organizaĵoj en ĉiuj landoj por bono de la sekvonta kongresa diskutado. Ni pensas, ke la proponata internacia traktato pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn estus je la okazo de la realigo tiel dezirinda kaj granda rapidigo de la enkonduko de Esperanto en ĝeneralan uzon, ke ĝi certigus al Esperanto sekvontan plenan venkon, sed nature eĉ ĝi ne ĉesigus uzadon de aliaj instrumentoj de nia ĝisnuna propagando.

Ni perfekte komprenas, ke oni devas antaŭvidi en estonteco nur laŭgradan anstataŭigadon de ĝisnunaj fakte internaciaj lingvoj per Esperanto, ĉar ankaŭ en la XVIII-a jarcento la lingvo franca nur laŭgrade anstataŭadis la latinan, kiu eĉ ĝis nun havas ankoraŭ grandajn privilegiojn de la internacieco en kelkaj fakoj de la scienco, kiel medicino, farmacio aŭ botaniko.

La vortsignalo : ESPERANTO EN LERNEJOJN !, sub kiu devas labori la Jubilea Kongreso, postulas, ke ĉiuj esperantistaj organizaĵoj pripensu ĝin serioze rilate al siaj landaj cirkonstancoj aŭ fakaj celoj. Ni dezirus ne pli malfrue ol kelkajn monatojn antaŭ la Kongreso ricevi el ĉiuj landoj de niaj samideanoj raportojn, montrantajn, kiel la problemo sin prezentas nun en ilia lando, kiuj cirkonstancoj favoraj aŭ malfavoraj povus faciligi aŭ malrapidigi la realigon de tiu ĉi celo en okazo de la internacia starigo de tiu ĉi problemo per la registaroj de aliaj ŝtatoj. L. L. K.

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20.30-a h. *(atentu la horŝanĝon)*.

Sabaton, la 6-an de Februaro: Karnavala Balo (kun muzikistaro). Speciala peto: Kostumo « Apache ».

Sabaton, la 13-an: 2a laŭleĝa Jarkunsido. — Je la 21a: Baghy-Kalocsay-vespero, kun Esperanto-ekspozicio.

Sabaton, la 20-an: Mitulvespermanĝo en « Café Belgia », Frankrijklei, 50.

Sabaton, la 27-an: Kongresaj filmoj, montrotaj de S-ro Kempeneers: 1. Kelkaj esperantistaj travivaĵoj dum la jaro 1936; 2. Vojaĝo tra Germanujo kaj Aŭstrujo al la Internacia Esperanto-Kongreso en Vieno.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel.: 314.59 ; KUNVENEJO : Kafejo « Vlissinghe », Bleekersstraat, 2, rue des Blanchisseurs.

*Kunvenoj dum Februaro 1937, krom kontraŭsciigo ĉiuj en la Kunvenejo:*

Mardon, la 2-an: a) Legado kaj klarigado de B.E. (Prez. S-ro Ch. Poupeye); b) Triopa babilado, kun posta publika raportado. (Prez. S-ro G. Groothaert.)

Mardon, la 9-an: Kantvespero. (Gvidado: F-ino A. Boereboom; Pianoforto: S-ino M. Van Roye.)

Mardon, la 16-an: a) Dikto kaj ekzercoj (Prez. F-ino Y. Thooris); b) Parolado de F-ino L. Meeuws pri « Stenografio ».

Mardon, la 23-an: a) Legado de teatraĵo (Prez. F-ino M. V. d. Berghe); b) Ludoj.

N. B. — Dum ĉiu kunveno instrua parto: klarigado de tekstoj, daŭrigo de la legado de « Vivo de Zamenhof » ktp.

EKSTERORDINARA KUNVENO: La 20-an de Februaro (Sabaton), je la 9-a vespere, en « MUNTPALEIS — PALAIS DE LA MONNAIE », GRANDA PRIVATA BALO (invitiloj ĉe la membroj). Amuzaĵoj - Kotiljonoj - Tombolo - MENUETO « LOUIS XV ».

La samideanoj en aliaj grupoj ne maltrafu tiun belegan feston; ili petu invitilojn al la Bruĝ'Grupanoj, se eble antaŭ la 9-a de februaro.

N.B. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde, de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la grupa Sidejo. Bibliotekistoj: S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj estas malfermata ĉe F-ino M. Huyghe, Potterierei, 1, quai de la Poterie (Helpa Poŝtoficejo).

BRUSELO. — **" Esperantista Brusela Grupo ".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30-a h.

Lundon, la 1-an de Februaro: en « Albert I », Societludoj.

Ĵaŭdon, la 4-an: en « Albert I », Komitatkunveno.

Lundon, la 8-an: en « La Sako », parolado de F-ino Jennen, « Krozado al Proksima Oriento », kun lumbildoj.

Dimanĉon, la 14-an: Promenado. Rendevuo: Porte de Tervueren je la 14 h. 30. Vizito de la Instituto por Blinduloj kaj Surdmutuloj en Woluwe.

Lundon, la 15-an, en « La Sako ». Lernado de novaj kantoj sub direkto de S-ino Elly Staes.

Lundon, la 22-an, en « La Sako ». Parolata gazeto. Ĉefredaktorino S-ino Plyson.

ATENTU. — Brusela Grupo sendis al siaj anoj leteron per kiu ĝi atentigas la membrojn pri la fakto, ke la baza kotizo estas altigata ĝis Fr. 40,—, tiel ke M.J. pagos Fr. 62,—; M.A.: 90,—; M.H.: 170,— kaj MS: 240,—.

Por Dimanĉo, la 13-a de Junio estas antaŭvidata ekskurso per aŭtoĉaro: vizito de farmbieno Miannoye apud Assesse; pikniko; poste vizito de Spontin, Marche-les-Dames ktp. Detala programo sekvos; la membroj kiuj deziras partopreni bonvolu sin enskribigi, kiel eble plej frue: la nombro de la lokoj estas limigata.

GENTO. — **Genta Grupo Esperantista.** — Kunvenejo en la lernejo Nova Strato Sankta Petro n-ro 45 : ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

Ĉiumerkrede, je la 7-a vespere, en Sint Pietersnieuwstraat 45, okazas unuagrada leciono, kaj ankaŭ, en alia ĉambro, grupa kunsido, kiu konsistas el paroladetoj bonhumoraj; ekzercoj diverspecaj; kantoj; parolata gazeto; konkursoj.

Plie, la duan ĵaŭdon de ĉiu monato, estas speciala kunveno, je la 7-a ½, ĉe S-ino De Rijcke, 223 Kortrijkschestraat. La programoj de la kunvenoj estas sciigataj al la grupanoj, per speciala bulteno, kiu aperas ĉiumonate.

## GRUPAJ RAPORTOJ:

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Post la tiel bone sukcesintaj Kristnaskfestoj okazis, la 2-an de Januaro, nur intima kunsido.

La 9-an sekvis la jarkunsido. Pro la leĝaj ordonoj, rilate al la nombro de ĉeestantoj, dua jarkunveno estos necesa. La kunveno aŭdis, unue, alparolon de la Administranto-Prezidanto S-ro Jaumotte, kiu alvokis ĉiujn al energia kunlaboro, precipe por la baldaŭ okazonta Kongreso. Li dankis ĉiujn, kiujn lin helpis en la pasintjara laboro. Inter ili estas la vicprezidanto S-ro Boffejon; la sekretario S-ro Faes; la kasisto S-ro Decoster kaj ties anstataŭanto S-ro Van Dyck, kiu, jam de kelkaj monatoj, plenumas la taskon sed nur en la dua jarkunsido povas esti laŭleĝe elektata, kiel administranto-kasisto; la profesoroj F-ino Jacobs, S-roj De Hondt, Sielens, Van Dyck kaj Vermuyten; la festestrino S-ino Van der Veken-Van Bockel, kaj ĉiuj ties kunlaborintoj en festoj aŭ en specialaj okazoj.

S-ro Faes legis la ĝeneralan raporton kaj S-ro Van Dyck la kasraporton. S-ino Van der Veken kaj S-ino Faes, komisarinoj, trarigardis la librojn kaj, nome de la Komisar-aro, S-ino Van der Veken proponis la aprobon de la bilanco. Tiu ĉi aprobo estos privoĉdonata en sekvanta kunsido.

Per agrabla dancfesto, finiĝis tiu vespero, kiu ne estis nur solena, sed ankaŭ plej agrabla.

Estas decidate, ke estonte la grupo organizos, *ĉiumonate*, iun intiman vespermanĝon: mitulvesperon, kolbasvesperon, k.c. La unua vespero, kiu, pro la epoko, estos mitulvespero, okazos dum Februaro.

Ankaŭ estas decidate, ke la grupo organizos regule, je difinitaj tagoj, malgrandan dancparton post la oficiala programo.

Ni altiras la atenton, pri tio-ĉi, de la membroj, kiuj neregule venas al la kunvenoj, kaj kiuj, tre certe, volos tamen konservi liberaj la vesperojn, kiam estas antaŭvidataj tiaj aranĝoj.

La 16-an S-ro Ch. Van der Veken parolis mallonge sed sukcesplene pri radio.

La 23-an de Januaro, okazis la jarfesteno, kiu plej bone sukcesis. La prezidanto S-ro Jaumotte, estis ĉirkaŭata, ĉe unu flanko de la granda tablo, dekstre, de S-ino Kempeneers, S-ro Boffejon, vicprezidanto; S-ino Faes kaj S-ino Elly Staes, kaj maldekstre, de S-ino Schoofs, honora membrino; S-ro Kempeneers, prezidanto de R. B. L. E.; S-ino Boffejon kaj S-ro De Hondt, administranto kaj profesoro.

Ĉe la alia flanko, S-ino Jaumotte, estis ĉirkaŭata, dekstre, de S-ro Faes, sekretario, F-ino Jennen kaj S-ino Staes, respektive prezidantino kaj vicprezidantino de la Brusela Grupo, kaj, maldekstre, de S-ro Van Dyck, kasisto; S-ino Van der Veken-Van Bockel, festestrino; S-ro Vermuyten kaj F-ino Jacobs, geprofesoroj.

Post la toasto al la reĝo, al kiu telegramo estis sendata, S-ro Jaumotte dankis unue la vizitantojn kaj poste ĉiujn la kunlaborantojn en la grupo, estraranojn kaj profesorojn. Li memorigis samtempe la fondinton, S-ron Schoofs, kaj toastis je la sano de S-ino Schoofs.



*La Antverpenaj Verd' Stelanoj ĉe la festena tablo.*

F-ino Jennen dankis kore, nome de la vizitantoj kaj S-ro Kempeneers gratulis « La Verda'n Stelo'n » pro la laboro, farita en Antverpeno, ne nur en la grupo mem, kiu tamen estas plej bone estrata, sed ankaŭ, persone de S-ro Jaumotte, kiu eldonas « Belga'n Esperantisto'n », de S-ro Boffejon, sur kies ŝultroj estis metata la plej grandan parton de la laboro de la Instituto, kiu nun prizorgas la eldonon de niaj du internaciaj revuoj, de S-ro Sielens, fine, kiu, por R. B. L. E., prizorgas de nun la gazetaran servon en la tuta lando.

Al ĉiuj tiuj dank- kaj gratulvortoj, S-ro Boffejon tiam aldonis ion plian. Li memorigis pri la fakto, ke estas ekzakte antaŭ dek jaroj, ke la Prezidanto, S-ro Maur. Jaumotte, estis vokita kiel prezidanto de la direktanta komitato, al la ĝenerala estrado de la grupo. Je tiu ĉi okazo, li diris al li plej korajn gratulvortojn, dum S-ro Faes trandonis al S-ino Jaumotte belegan florgarbon.

Dum la festeno, ĉiuj havis la okazon aplaŭdi S-inon Elly Staes, kiu kantis belajn kantojn, kaj S-ron Vermuyten, kiu deklamis speciale verkitan poemon.

Agrabla dancado sekvis post la festeno.

BRUGO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — La 22-an de Decembro, S-ro Groothaert legis sekvantan ĉapitron el la « Vivo de Zamenhof » de E. Privat. F-ino Suzanne Vanden Berghe parolis tiam pri « ARTO », laŭ jena plano : « Kio estas la arto? — La artisto. — La homo kaj la arto ». La multnombraj ĉeestantoj varme aplaŭdis la artistan parolantinon kaj S-ro Groothaert dankis ŝin nome de ĉiuj. Por fini tiun laborplenan vesperon, malfermiĝis debato : « Por kaj Kontraŭ Vegetarismo », gvidata de S-ro R. Groverman.

La 29-an, lasta kunveno de la jaro okazis en kafejo « Vlissinghe », kie, post la kutimaj komunikaĵoj kaj legado el la «Vivo de Zamenhof», la grupanoj ĝuis agrablan dancfesteton, dank' al la sindonemaj pianistinoj S-inoj Stroobandt kaj Van Roye. La simpatiaj samideanoj Ges-roj de Vrieze, el Drachten (Ned.), ĉeestis la kunvenon.

La 5-an de Januaro, post daŭriga antaŭlego el la « Vivo de Zamenhof », ĉiam nuancriĉe farita de S-ro G. Groothaert, S-ro Poupeye prezidis la legadon de B.E. kaj donis la necesajn klarigojn. La vespero gaje finiĝis per intima interbabilado.

La 12-an okazis kantvespero, sub gvidado de F-ino A. Boereboom kun piano-akompanado de S-ino M. Van Roye. La ĉeestantaro ne estis tiel multnombra, kiel kutime, ĉar diversaj membroj estis malhelpataj. La kunvenintoj tamen agrable kaj instrue pasigis la vesperon.

BRUSELO. — **Esperantista Brusela Grupo.** — La 21an de Decembro okazis eksterordinara ĝenerala kunveno, dum kiu la komitato, klarigis per ciferoj ke, post depreno el la jara kotizo de la sumoj destinitaj al B.E. kaj I.E.L., restas al Brusela Grupo, sumo ne sufiĉa por propagandi. Oni do unuanime decidis plialtigi la kotizojn je 10 fr.

Laŭ la regularo, la ĝenerala jara kunveno okazis en oktobro; por plifaciligi la laboron kaj la kalkulojn, ĝi estonte okazos en Januaro.

La 4an de Januaro, Brusela Grupo por la unua fojo kunvenis en Albert I.

La Prezidantino rakontis sian vojaĝon al la Granddukejo, poste ŝi legis leteron de Sinjorino Morris, usona ambasadoredzino, kiu dankis pro la bondeziroj senditaj de la grupo, kaj reciprokis.

Oni rondirigis belan ilustritan gvidlibron pri Rio-de-Janeiro eldonitan en Novembro 1936 de la Brazila ministrejo por eksterlandaj aferoj.

Doktoro Kempeneers kunportis libreton kun multaj divenaĵoj per kiu oni multe amuziĝis.

La sekretario organizis societludojn, kiujn partoprenis S-inoj Jennen, Staes, Plyson, Debel, Kerckhof, Kestens, Obozinski, Dierckx, G-roj Kempeneers, S-roj Castel, Dierckx, Hart kaj Maes.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».** — Inter la okazintaĵoj de la monatoj Decembro-Januaro, estas ĉefe citindaj du paroladoj, kun montro de multaj fotografaĵoj, de S-ino De Rijcke, pri sia vojaĝo en Orient-Eŭropaj landoj; kaj tre spritaj paroladetoj, de S-ro De Rese « pri la viroj », kaj de S-ino De Rijcke « pri la virinoj ».

Krom la kutimaj kunvenoj, okazis, en ĉambrego de « Salle des Notaires », parolado de S-ro Scherer pri Hindujo; ĉar la Grupo organizis tiun paroladon por propagando ĉe la neesperantanoj, la parolojn de S-ro Scherer lerte tradukis, laŭvice, S-ino De Rijcke, antaŭ proksimume 150 ĉeestantoj.

La neesperantanoj miris : tion oni konstatis per la scivolemo, kiun ili montris dum mallonga paŭzo en la mezo de la parolado, interesiĝante pri la kolektaĵo de esperantaj libroj, ekspoziciitaj en la ĉambrego.

## FAMILIA KRONIKO

### Gratuloj

— Al S-ro Henri SIELENS juna Antverpena profesia jurnalisto, diplomita profesoro de Esperanto, komitatano de « La Verda Stelo », kiu akceptis organizi, firme kaj regule, la gazetaron servon, kiun la direktoro de B.E., kun la helpo de S-ro Edgard Decoster, funkciigis ĝis nun, de temp' al tempo, sed tute ne regule, kiel tamen decas por tia grava servo.

— Al G-roj W. DE SCHUTTER-KENENS, gemembroj de « La Verda Stelo » (Antverpeno) pro naskiĝo de fileto Paul (la 3-an de Januaro).

— Al S-ro Hugo VRIELYNCK, membro de la Bruĝa Grupo, kiu akiris 5-an Premion en la Granda Nacia Fotografa Konkurso de « Touring Club » kaj « Le Soir ».

### Kodolencoj

— Al G-roj M. SMOLDEREN-NAUWELAERTS, gemembroj de « La Verda Stelo » (Antverpeno) pro la morto de ilia (bo)-patrino, S-ino Nauwelaerts-Kleykens.

## Bibliografio

*PROGRESADO KAJ PASINTECO. EKRIGARDO TRA LA TEMPAĜOJ. Verkis: George Frederick Wates. Tradukis: William Bailey. Eldonis: The Esperanto Publishing C°, High Holborn 142, London. — Formato: 12 × 19 cm.; 152 pĝ. — Prezo: 3 ŝ 6 p. + 4 p. por sendkostoj. Fortika tolbindaĵo kun aparta ŝirmkovrilo.*

En ĉi tiu volumo, la aŭtoro ne multe pritraktas teoriojn de progresado; li priskribas kelkajn grandajn epokojn en la monda historio kaj lasas ilin fari propran impreson.

—o—

En sia verko « Pri Herooj », Carlyle pretendas ke, laŭ li, heroo estas homo kiu esprimas ideojn, pensojn kiuj estas la ideoj kaj pensoj de grandaj homamasoj, de la plimulto de la samtempuloj, ideoj kaj pensoj kiujn la aliaj ne kapablis aŭ ne kuraĝis esprimi. Estas tutsimple tio, kion faris G. F. Wates kaj lia libro ne estas la verko de romanisto, sed de serioza pensulo.

—o—

Laŭ lingva vidpunkto la libro estas same interesa kiel laŭ enhavo. S-ro Bailey, mallongan tempon post sia traduko de « Petrolo » donis novan pruvon pri sia kompetenteco sur la traduka kampo, kaj iom post iom atingis sur ĉi tiu unu el la unuaj rangoj. Lia lingvo estas facilflua, la stilo klara kaj bona, la esprimoj ofte novaj kaj tre trafaj; entute ĝi ne estas « tradukodora ».

Tamen ni kuraĝas fari kelkajn rimarkojn :

S-ro Bailey havas la neagrablan kutimon ofte uzi la numeralon « unu » kiel nedifinan pronomon : unu aŭtoro skribis... anstataŭ : aŭtoro aŭ : iu aŭtoro skribis... Aliflanke li uzas « la » tie kie li prefere ĝin ne uzu : la Francujo — la Eŭropo.

Ankaŭ li havas la teruran « emeco »-guston. Kial ne tutsimple « -emo » anstataŭ « emeco » en preskaŭ ĉiu frazo?

— Aliflanke li havas la meriton uzi ofte tre « feliĉajn » esprimojn ekz.: ecaro.

— Dank'al la zorga korektado nur postrestis tre malmulte da preseraroj : urge anst. urĝe, reĝado anst. regado, bona anst. bone kaj bullo anst. buleo.

—o—

Ĉi tiuj rimarkoj tamen tute ne celas malpliigi la meritojn de la tradukinto kaj eldoninto kiuj meritas varmajn laŭdojn kaj sinceran rekomendon.

*LA VERBO EN ESPERANTO. — Teorio kaj praktika uzado. Verkis: Julius Glück kaj J. H. J. Willems. Eldonis: W. J. Thieme & C^ie, Zutphen, 1937. Formato: 15 cm. × 23 cm.; 48 pĝ. Prezo: 0,65 guld.*

Mi devas konfesi ke mi ne ŝatis trastudi tiun ĉi verkon : se ni jam bezonas tutan libron por la verbo kie restos tiam la « ega facileco » de Esperanto, mi pensis.

Mi malpravis. La verkintoj, ambaŭ kompe-

# Jubileo Andreo Cseh

En la somero de pasinta jaro la Esperantistaro inde festis la 25-jaran jubileon de la eminentaj verkistoj K. de Kalocsay kaj Julio Baghy.

En Decembro estis la vico de Andreo Cseh, kiu, jam de 25 jaroj, laboras en la servo de nia movado.

Ni ne bezonas tie ĉi larĝe priparoli la meritojn de Andreo Cseh.

Andreo Cseh iniciatis laŭplanan organizon de kursoj, laŭ metodo, kiun li adaptis al Esperanto. Tiu metodo estas aplikata de centoj da instruistoj en la tuta mondo, vekante intereson ĉe novaj kaj malnovaj Esperantistoj.

La Haga grupo « Fine Ĝi Venkos » festis la 28-an de Decembro sian propran 30-jaran jubileon kaj samtempe ankaŭ la 25-jaran jubileon de Andreo Cseh. Tiuokaze estis transdonita al li memoraĵo pri ĉi tiu grava fakto.

Per tiu ĉi vojo Reĝa Belga Ligo Esperantista, ĉiuj ĝiaj aliĝintaj grupoj kaj ĉiuj individuaj Esperantistoj en Belgujo sendas al Pastro Cseh siajn plej korajn gratulojn, kune kun penso de dankemo pro la atmosfero, kiun lia agado sukcesis krei en diversaj landoj.

## Esperanto en Germanujo

Laŭ postulo de la polico la Esperantaj organizoj en Germanujo devis ĉesigi la laboron. Tiu decido sendube rezultis el tio, ke en nia lando ekzistis du Esperanto-organizajoj, kiuj penadis atingi la gloron per tio ke unu kontraŭbatalis la alian. Unu el ambaŭ eĉ skribis, kiel oni raportis al ni, al diversaj policejoj kaj denuncis la alian, dirante ke tiu akceptis membrojn kiuj agis en kontraŭnacia senco. Tute nature la polico devis veni al la rezulto malpermesi la Esperanto-organizaĵojn. Kontraŭe la uzado de Esperanto, la portado de la verda stelo, aranĝo de kursoj, ktp. estas permesataj.

KEU ankaŭ estis devigata likvidiĝi. KEU decidis la likvidadon kaj samtempe protestis. Al la ĉefo de la polico en Berlin KEU sendis kopiojn de laŭdaj kaj aprobaj leteroj ricevitaj de ministerioj kaj aliaj oficialaj institucioj. La polico tute komprenis la gravecon de nia laboro kaj per dekreto de 7.9.1936 (Akto S-PP II A 1132/36) permesis *la daŭrigon de la laboro.*

Ni treege ĝojas pri tiu sukceso, kaj kun vera plezuro ni hodiaŭ informas pri tio niajn eksterlandajn amikojn, petante ke la gazetoj represu nian informon.

Ni esperas ke la samideanoj en la tuta mondo komprenu la gravecon de tiu sukceso. Ni ankaŭ esperas ke ĉiuj nun subtenu nin per ĉiuj fortoj, ĉar ni tute nature nun devas montri per faktoj ke la decido de la polico estis prava. Do — amase helpu per jenaj kunlaboroj :

1. anonciĝu el ĉiu lando almenaŭ unu serioza laborema samideano por aranĝi KEU-Agentejon;
2. ĉiu varbu inter la komercistoj de sia urbo por mendoj je **varoj anoncitaj** en « La Komerco », aŭ aliaj;
3. aliĝu multnombre kiel subtenanto (kotizo libervola);
4. ĉiu Esperanto-gazeto sendu al ni interŝanĝo-ekzemplerojn (ni liveros la gazeton « La Komerco » post reapero);
5. ĉiu vendu la de ni eldonitajn Esperanto-gramofondiskojn kun la arioj el Carmen kaj Rigoleto (po RM 2.50 afrankite).

Se ni povos montri al la ekonomia ministerio peradojn de multegaj mendoj, oni ŝatos, priatentos kaj certe subtenos nin. Nur per tio ni povos reatingi la perditan teritorion en Germanujo. Estu certaj, ke ni agos tute prudente kaj celkonscie! Tamen, la ĉefa afero estas la subteno per la eksterlandaj samideanoj en la maniero skizita.

Vivu KEU-laboro en ĉiuj landoj!

*Komercista Esperanto Unio,*
Unuiĝo por progresigo de ekonomiaj interrilatoj :
Ranft, direktanto.
Dresden-Radebeul,
Friedrich August Str. 4.

## 9a Nederlanda Esperanto Kongreso

*Ni atentigas niajn legantojn pri jena komuniko de niaj nederlandaj samideanoj :*

Dum Pasko okazos la kongreso de la Nederlandaj Esperantistoj en Den Helder.

Tiuj, kiuj ĉeestis la 8an, en Leeuwarden, povas kompreni, kia fariĝos la 9a, kiam ni promesas, ke ĝi estos ankoraŭ pli brila kaj pli grandioza.

El la agendo, ni povas mencii du festvesperojn, kun amuzaj kaj Zamenhofsferplenaj programoj.

Krom tio la Boat-ekskurso sur la vasta Holanda maro kaj al la birdinsulo « Texel ».

Por eksterlandanoj, apartaj kondiĉoj.

Petu informojn je la sekretario de la Loka Kongresa Komitato : S-ro P. de Jong, Beukenkampstraat 4, Den Helder, Holando.

## La Gazetaro Parolas

**Redaktas: H. A. R. S.**

**Kresko de membronombro.** — La membronombro de la Sveda Laborista Esperanto-Asocio atingis en 1931 : 481; en 1932: 817; en 1933: 1525; kaj en 1934: 1869. Ĉu Esperanto vivas aŭ ne?

**Turismo.** — ENIT la itala Turistoficejo, eldonis belegan varbkajeron 48-paĝan tute en Esperanto. Admirindaj estas la belegaj fotoj de la efika varbilo. Du preskopioj de pentraĵoj laŭ Leonardo kaj Domenichino ankoraŭ plivalorigas la eldonaĵon. La tekstoj klare kaj bonstile propagandas la italan landon kaj popolon. La uzo de nia lingvo por tia luksa eldonaĵo estas vera rekono de la taŭgeco de Esperanto. *(Informilo.)*

**Ĉiam antaŭen.** — Antaŭ kelkaj monatoj ni povis gratuli la estraron de la Federacio de Laboristaj Esperantistoj en Nederlando pro la fakto, ke la listo de membroj-abonantoj de « Laborista Esperanto » enhavis 4000 nomojn.

Ĝis la nuna momento, tiu nombro rapidege kreskis ĝis 6000.

*(Laborista Esperantisto.)*

---

tentaj sur la gramatika kampo donis bonan verkadon, la rezulton de saĝa pripensado : verbsistemon propran de Esperanto.

La aldono « La verbaj afiksoj » multe plivalorigas la studon.

Verko kiun mi ne volus vidi en la manoj de novuloj, sed varme rekomendas al jamaj Esperantistoj.

KLIC JAZYKA ESPERANTO. Kvina — la unua normigita — eldono de la *Ŝlosilo en ĉeĥa lingvo.* 32 paĝoj. Unuaranga papero. Eldonis Esperanto-Asocio en ĈSR, Praha. Prezo 1,— Kc. Por 1 respondkupono 2 ekzemplerojn liveras Esperanto-Asocio en ĈSR, Praha 47.

KLUC JAZYKA ESPERANTO. Dua normigita eldono de la *Ŝlosilo en slovaka lingvo.* 32 paĝoj. Unuaranga papero. Eldonis Esperanto Asocio en ĈSR, Praha. Prezo : 1,— Kc. Por 1 respondkupono 2 ekzemplerojn liveras Esperanto-Asocio en ĈSR, Praha 47.

# La "MINIPIANO" BRASTED

PREZENTATA

DE

## GUSTAVE FAES

**Schoenmarkt, 16**

**Marché aux Souliers**

**ANTVERPENO**

KOSTAS

**Frs. 3.250,—**



## FRANCHOMME kaj K°

**Rue des Pierres, 80, Steenstraat**

— **BRUĜO** —

Ĉiuspecaj ŝtofoj kaj silkaĵoj

Blanka tolaĵo — Trikotaĵoj

Meblaro —

## CREMERIE DE DIXMUDE

F-ino M. M. MESTDAGH

**St. Jacobstr., 8, rue St. Jacques**

**BRUĜO**

**Specialaĵoj . Butero de Dixmude.**

**Ovoj. Fromaĝoj**

**Estraro de "Belga Ligo Esperantista".**

Prezidanto: D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)

Vicprezidanto: S-ro Léon Cogen, 52, Dreef, Ninove.

Vicprezidantino: F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat—Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)

Ĝenerala Sekretario-Kasisto: S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)

*Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj :*
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (Wilrijck-Antverpeno).

*Por pagoj al I. E. L. :*
provizore al la privata P.Ĉ.K 4109.91 de S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario.

*Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto :*
P.Ĉ.K. 1689.58, Anverpeno (Willemsstrato, 21)

OSTENDO BELGUJO

**HOTEL VROOME**

*RENDEVUO DE LA ESPERANTISTOJ*

20, BULVARDO ROGIER — Tel.: 37

## HOTEL DU CORNET D'OR

**2, PLACE SIMON STEVIN (BRUĜO)**

Sidejo de la Bruĝa Grupo Esperantista (Reĝa Societo).

— Tre komfortaj ĉambroj, bonaj manĝaĵoj. —

*Oni parolas Esperanton. — English spoken.* DS (106).

## L. VAN WASSENHOVE

**2, Philipstockstrato — BRUĜO**

Librotenado — Organizado kaj enskribo de la libroj — Kontrolo — Starigo de Bilancoj — Raportoj — Serĉadoj — Ekspertizoj — Komercaj Informoj

## Firmo "NOVELTY"

S-ino L. VAN WASSENHOVE-BOCKHOLTS

**2, Philipstockstrato — BRUĜO**

KORSAĴOJ — TOLAĴOJ

Liveras en tuta Belgujo kaj laŭ korespondaj mendoj.

## BELGA MARBORDO

## Grand Hôtel d'Oostduinkerke

Bone konata de multaj Esperantistoj.

**P. BENOIT, Delegito de U. E. A. Posedanto**

**INTERNACIA ESPERANTO-LIGO**

**KOTIZOJ 1937**

| | | | |
|---|---|---|---|
| **MAH** | **Fr. 130.00** | **MS** | **Fr. 200.00** |
| **MJ** | **Fr. 22.00** | **MA** | **Fr. 50.00** |
| **Patrono** | **Fr. 750.00** | | |

MEMBRO KUN JARLIBRO (MJ) ricevas membrokarton, servokuponaron, kaj la Jarlibron.

MEMBRO-ABONANTO (MA) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la monatan oficialan gazeton dum la jaro.

MEMBRO-ABONANTO-HEROLDO (MAH) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la semajnan gazeton « Heroldo de Esperanto » dum la jaro.

MEMBRO-SUBTENANTO (MS) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la monatan oficialan gazeton ; krom tio li rajtas ricevi premion.

**Noto:** la oficialaj gazetoj estas *Esperanto Internacia* monate, kaj *Heroldo de Esperanto* semajne

***Pagu vian kotizon al:***

Via grupo aŭ al R. B. L. E. kune kun la kotizo, kiu por la Ligo estas Fr. 30,—.

Leterojn direktu al la Teritoria Sekretario S-ro Van den Bossche, Willemsstr., 21, Antverpeno.

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.